# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**





**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 15/03/2018 Tricent- sesdekkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate *Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,580,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol **1,260,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol **324,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol **2** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Marto 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 19 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)



La faktitiva voĉo ekzistas ankaŭ en eŭropaj lingvoj, sed plej ofte nur en analiza formo. Pro tio oni en tiuj lingvoj ne mencias ĝin, kvankam ĝia rolo en tiuj lingvoj estas preskaŭ same grava kiel en Esperanto. Ekz. en la franca *"faire sortir"* = igi eliri. Same en la angla. En la germana kaj en la nederlanda oni trovas plurajn malnovajn faktitivojn, kelkajn eĉ kun la sufikso *"-ig": "beeindigen"*. Sed ili pli uzas simple prefikson: *"verzetten"* = igi sidi aliie = alilokigi. La angla uzas precipe la analizan formon, kiel en *"I got him to run faster"* = Mi igis lin kuri pli rapide kaj *"That work will make him stay up longer"* =Tiu tasko igos lin enlitiĝi pli malfrue. La angla kaj la germana uzas plurajn malnovajn faktitivojn formitajn per vokalŝanĝo: *to lie* el *to lay* kaj *to drench* el *to drink*.




*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.





Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 17a de Marto estis la tria sabato. Bona grupo Venu.

*Roger Springer*



# Merkredo ĉe la Esperanta Domo, Sidnejo.



## Kiel vojaĝi la mondon senpage



## Tempo: Merkredo, 14.3.2018 15h00-17h00

La Pasporta Servo estas gastigservo por Esperantistoj. Ĝi estas aranĝata de TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo), kiu eldonas jaran enretan kaj presitan adresaron de homoj ene de la esperanta kulturo, kiuj pretas gastigi aliajn Esperantistojn en sia hejmo senpage dum pluraj noktoj. Nuntempe ĝi havas pli ol 1000 gastigantojn en ĉirkaŭ 70 landoj.

Hodiaŭ ni prezentos ĝian historion kaj kiel uzi Pasportan Servon por vojaĝi la mondon.

Dum la paŭzo, ni provizos kafon, teon kaj parolos pri anekdotoj de Esperantovojaĝoj ene de la Pasporta-Servo-komunumo.

La hodiaŭa parolisto Rainer estas Pasporta-Servo-gastiganto en Stuttgart / Germanio. Krom bonvenigi eksterlandajn Esperantistojn en sia hejmo, li ankaŭ vizitis aliajn Pasporto-Servo-gastigantojn en pli ol 30 landoj. Li komence lernis Esperanton dum 20 horoj ĝis li faris sian unuan Esperanto-vojaĝon (al Japanio kun Pasporta Servo).

*Rainer Kurz*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 11an de Marto dek unu homoj (inkluzive de du komencantoj) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar por nia unua Duolingo-reklamita kunveno. Vere nur unu venis de tiu reklamado sed pli bone ol neniu! Ni finis la ekzercon pri vestaĵoj (respondoj ĉi tie) de pasinta semajnfino, babilis kaj instruis la komencantojn.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 12an de Marto ni ne kunvenis pro la publika ferio. Mi pardonpetas ke mi erare reklamis ĝin en la pasinta novaĵletero.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

**Dimanĉa kunveno**, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 18an de Marto je 15:00-17:00

**Lunda kunveno**, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 19an de Marto je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1058 Instagram – 149

Facebook – 378 Telegram – 19

Twitter – 380

*Joanne Johns*






" Ge-esperantistoj ĉiuloke en nia vasta lando
se vi vojaĝos norden vi alvenos al Brizbano.

Se eblas venu je la 17a de marto

Treege afable ni invitas por jarkunveno,

kaj amikeco, frateco kaj kuko & kafo;

estu bonvena ĉiuj kaj fariĝu nia nova samideano!"

*Petro Danzer* BES Sekretario



Brisbana Ĝardeno



Prezidanto Doug Eising



# Historia Ĝardeno.



## HISTORIAĴO ESPERANTA.

Antaŭ dudeko da jaroj mi jam uzis, sed nur kelkfoje kiam miskompreno povis okazi pro la kvar signifoj de "de", la prepoziciaĵojn "ante al" kaj "ate de". Ili estas formitaj el Fundament'ecaj radikoj kaj kompreneblaj al spertaj Esperantistoj. Sed unu redaktoro de internacia gazeto rifuzis publikigi miajn artikolojn se en ili troviĝis tiuj prepoziciaĵoj. Ĉar mi ne deziris ke mia perfekta gramatiko cenzuratu de lingvisme malpli kompetenta redaktoro mi eksiĝis kiel membro de la asocio, kiu eldonadis la koncernan gazeton. Cetere mi membriĝis al

tiu internacia organizo jam en la jaro 1935. La organizo petis min verki klarigon de mia siteno, kaj publikigis ĝin en sia gazeto. Jen estas la enhavo kun kelkaj neesencaj ŝanĝetoj por eviti mencii nomojn. La du geesperantistoj kritikitaj de mi intertempe mortis.

"Protesti mi devas kontraŭ la fakto ke la redaktisto, ne komprenante gramatikaĵon Esperantan, informiĝas ne ĉe la kelkaj kompetentaj anoj de la Akademio, sed ĉe la pri Esperanta gramatiko nekompetenta sekretario ĝia. Eĉ pli abomenindas, ke li sur ties "klarigo" bazas sian verdikton ke de unu membro, mi, uzataj laŭ-Fundament'ecaj vortoj (ante kaj ate) estu malpermesataj en la gazeto, dum li allasas la multajn nenecesajn neologismojn kaj la plurajn gramatikajn erarojn de la aliaj kunlaborantoj. Tio estas stranga favorismo."

"La nekompetento de la Akademia sinjoro montriĝas trifoje en lia letero traktanta la uzon de "Ante + akuzativo" kaj "Ate de". Jam la titolo pruvas, ke li ne komprenas pri kio temas: la du esprimoj neniel estas "Participaj finaĵoj uzataj anstataŭ verboj", sed prepoziciaĵoj normale formitaj el adverbo kun prepozicio (kiel "depende de") aŭ kun akuzativo (kiel "koncerne + akuzativo."). **Due** li identigas "ant" kaj "at" kun la nuraj finaĵoj en Esp. (o, a, as, en, ajn, u, ktp), dum esperantologie ili ne estas finaĵoj, sed (PAG $ 276) simple sufiksoj (participsignifaj), pro la genio de Zamenhof. Nu, ĉi lastaj havas en Esp. funkcion kaj uziĝon malsimilajn al la finaĵoj. Aŭ la sinjoro ne komprenas tion, aŭ li volas mistifiki nin (kion mi ne kredas). Ĉiuj afiksoj estas, sen miskompreno, memstare uzeblaj en Esp., nur necesas scii la signifon de la afikso (kion oni lernas en kurso): ree, inda, eblo, iĝi, anta, ata, ktp. Evidente la s.ro volas fari escepton nur pri "anta" kaj "ata", ĉar eble li ne komprenas ilian signifon. Nu, "la murdo de la policano" estas "..... ante la policanon" se la policano estas la rekta komplemento de la ago" murdi", kaj "..... ate de la policano" se la policano estas la aganto de la ago (de la ago "fari" ĉe la neverbaj substantivoj: poeto ante poemon kaj poemo ate de poeto, se bezonataj). **Trie** la s.ro aŭdacas deklari ke la uzado de tiuj memstaraj sufiksoj estas "neniel rekomendindaj", bazante sin sur la senekzempla de li neniel pruvita aserto ke la uzo kreas "tro ofte malklaran stilon ĉar "ne ĉiam la komprenebleco estas evidenta", dum laŭ mia studo (kaj laŭ lia, se li studas la aferon) nekomprenebleco neniam okazas (kio ja estas natura eco, kaj necesaĵo, de Esp.!). Lia senbaza verdikto do estas malĝusta kaj maljusta."

"Krome ne pravas lia aserto, ke min influis "La bona lingvo": Mi uzis "anta" kaj "ata" longe antaŭ ol mi legis tiun libron. Cetere mi uzas la vortojn malofte (ĝenerale la simpla "de" klaras), nur se necese en kazoj de miskompreneblo, kaj por eviti la uzon de malĝustaj aŭ dusencaj alternativoj (ĉu mi ne devas eviti tiujn?): "al" por "ante", kaj por "ate de" la esperantologia monstraĵo "far" (la ceremonio antaŭos lian foriron", "la poemo faris la poeton") aŭ la nefideblan "fare de" havantan tri malsamajn signifojn (ekz. "Ili sin savis per la faro de kaŝejoj" = fare de kaŝejoj; cetere same kiel "tablotuko" ne estas tablo, sed tuko, same tiel "farata de" ne estas "fara de" sed "ata de")."

"Fanatike hipokrita estas la verdikto pri la samaj vortoj ata de iu sinjorino kiu laŭdas "La bona lingvo" sed atakadas min ĉar mi uzas Esperanton en la spirito de tiu libro. Honto! "

"Ĉar do la uzo de anta, ate, ita, onto, k.t.p. estas normala en Esperanto (kaj eĉ rekomendinda por eviti erarojn aŭ dusencaĵojn), ĝi estas simple afero de gusto, de stilo, kaj mi rajtas postuli de la redaktisto, ke li ne ŝanĝu mian stilon. Se li kaj kelkaj legantoj ne komprenas

Esperanton sufiĉe, li nur demandu al mi kaj mi inter krampoj klarigos. Ĉiu bona redaktisto faras tion. Marcel Leereveld. “

La estraro de la asocio retroskribis, publike, i.a. ke mi ne rajtas kritiki la Akademianon, kiu estas ilia amiko, kaj ke ili daŭrigos, laŭ konsilo de la Akademiano, nepublikigi miajn artikolojn kun “anta” kaj “ata”. *Marcel Leereveld.*

## **LA LOGIKO DE ESPERANTO**.

Sed ĉifoje ankaŭ la angla lingvo estas same logika, ĉar ankaŭ ĝi havas kvar diversajn vortojn por la kvar diversaj signifoj/rilatoj:

L o k a : 1) *IN FRONT OF (the church building)* 2) *BEHIND (the church building)*

a n t a ŭ (la preĝejo) m a l a n t a ŭ (la preĝejo)

T e m p a: 3) *BEFORE (the church service)* *4) AFTER (the church service)*

m a l p o s t (la diservo) p o s t (la diservo) .

Sed kiu komencis mallogikigi Esperanton, sed ne kuraĝis mallogikigi la anglan ?

Do: Premion al la anglaj parolantoj !

Kaj al la francaj: Loka: 1) devant 2) derrière

Tempa 3) avant 4) après .

Kaj al aliaj lingvoj !

*Marcel Leereveld.*

## **LA FACILA ESPERANTO**.

INSTRUISTO: Multaj internaciaj vortoj estas tuj uzeblaj en Esperanto: nur adaptu la literumadon kaj la finaĵojn. Ĉu iu povas doni du ekzemplojn de tio?

LERNANTINO: Jes, *my papa loves my mamma*, “Mia papo amas mian mamon”. *M. L*.

## **GEFIANĈIĜOJ .**

Multaj geaj paroj gefianĉiĝas antaŭ (= malpost) ol geedziĝi, aŭ antaŭ (= malpost) ol splitiĝi. Ĉu ankaŭ samseksaj paroj kutime dufianĉ(in)iĝas? Mi neniam fianĉiĝis, ĉar mi tuj edziĝis, tuj kiam mi eksciis ke mia amikino estis graveda (ne laŭ la barnabia metodo), kaj mi restis edzo de mia edzino dum sepdek jaroj, ĝis ŝia morto. Miaj nederlandaj gepatroj neniam gefianĉiĝis, kaj ne volis oficiale geedziĝi ĝis mi estis dudekjaraĝa, kiam ili geedziĝis ĉar tiam sub la germana okupado la needziniĝintaj nederlandaninoj devis vojaĝi al Germanujo por tie labori en la fabrikoj, dum la milito.

Kial oni ne registras gefianĉiĝojn en la registaraj registrejoj por naskiĝoj kaj mortoj?

Aliflanke mi ne komprenas kial oni parolas pri virinemancipiĝo kaj ne pri viremancipiĝo. Kiam mi antaŭ la dua mondmilito loĝis dum tridek-kvin jaroj en Nederlando, oni ne parolis pri virinemancipiĝo, ĉar la virinoj ne bezonis emancipiĝi, ĉar ili konsideratis kiel tute samrajtaj kaj samvaloraj kiel viroj. Sed kiam mi venis al Aŭstralio en 1952 mi rimarkis ke tie la viroj komencis emancipiĝi el egalaj al la virinoj al pli gravaj kaj pli potencaj ol la virinoj, kaj tio plifortiĝis; la viroj do ĝis nun emancipiĝis traktante la virinojn kiel uzeblajn. Ili, la viroj, do emancipiĝis post la situacio antaŭ la milito, almenaŭ en Nederlando. Mi ne scias

ĉu la viroj ankaŭ en Nederlando emancipiĝis al supereco. Mi pensas ke tiu viremancipiĝo ekestis kaj kreskis pro tio ke nun multaj virinoj laboras dungite kaj ke en la asocioj multaj viroj mastras virinojn kaj sekve emas ankaŭ sekse mastri ilin kaj ludi kun ili. Tio ne ŝanĝiĝos antaŭ (= malpost) ol virinoj okupos la mastrajn poziciojn samkvante.

*Marcel Leereveld.*

**DEMANDO AL RAINER:**

Ne por kritiki cin, nek por instrui cin, sed nur por helpi min kompreni la pensmanieron de la eŭropanoj kiam ili uzas siajn participojn, ĉar mi nuntempe estas studanta tiun fenomenon. Do jen:

Ci skribis, ke ci "komence estis lernanta Esperanton dum 20 horoj kiam ci faris cian unuan Esperanto vojaĝon". Tio signifas ke ci komencis lerni Esperanton dum cia unua Esperanto-vojaĝo. Ĉu ci celis diri tion? Kaj:

Ci skribis, ke "ekzistas pli ol 100 regule disvastigitaj Esperanto-ĵurnaloj". Tio signifas ke nun ekzistas pli ol 100 Esperanto-ĵurnaloj kiuj ne nun sed en antaŭa tempo estis regule disvastigataj. Ĉu ci celis diri tion? , Kun antaŭdankoj *Marcel Leereveld*



## "LBV okazigas atelieron pri Esperanto en San-Paŭlo"



Hodiaŭ, ni ŝatus kundividi kun vi bonan novaĵon \o/! Je la 23-a de Februaro, en San-Paŭlo, Brazilo, Legio de Bona Volo (LBV) okazigis metiaranĝon partnere kun Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP). Dum la ateliero, la ĉeestantoj lernis kuriozaĵojn pri la lingvo internacia kaj ĝia rolo en la mondo kaj ankaŭ lecionojn kun praktikaj gramatikaj nocioj. Krome grupo de esperantistoj vizitis la Edukejon Bona Volo akompane de la teamo de LBV. Legu la kompletan raporton ĉe: "LBV okazigas atelieron pri Esperanto en San-Paŭlo"

Bonvole kunhavigu kun viaj samideanoj kaj ĉe E-asocioj ĉi tiun novaĵon!

*Maria Aparecida da Silva*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 12 Refoje en Danlando, kie mi fariĝas noktogardisto dua ero



Do, kiel jam dirite, mi daŭrigis la bicikladon laŭ la menciita vojo, kaj atingis la judan parton de la tombejo. En ĝin mi ne rajtis eniri, mi scias ne multon pri ĝi, fakte nenion ! Tuj poste mi venis al la katolika tombejo. Mi memoras, ke iu noktogardisto iris tien la 31-an de oktobro, la vesperon de Ĉiuj Sanktuloj. En oktobro estas tre mallume en la vesperoj, kaj ĉar li nenion sciis pri katolikismo, timigis lin vidi, ke en la tombejo sin movis centoj da monaĥinoj surmetante kandelojn sur la tombojn. Li forkuris al la ĝenerala tombejo, enlasis sin, eniris la oficejon kaj telefonis al sia oficejo tuj apud la cirko, "mi estas en la tombejo, la mortintoj dancas, mi timas !" Oni trankviligis lin, klarigante al li, ke la vesperon de Ĉiuj Sanktuloj monaĥinoj surmetas kandelojn sur la tombojn, ili ne dancas. Li do eniris !

Kaj tion faris ankaŭ mi, kaj mi iris ĝis la katolika kapelo, la tiel nomita Orienta Kapelo. Estis tre mallume tie, sed mi vidis neniujn fantomojn, nur strigon, estis tiu sama strigo, kiun mi ĉiam vidis en la tombejo. Ĝi ĉiam rigardis min, kaj sekvis min ĉiam en la tombejo, eĉ eksteren ĝis Carlsberg.

Do, nun estis mia vico iri al la ĝenerala tombejo. La ĉefa enirejo havas la plej grandegan pordegon, kiun mi ĝis tiam vidis. Ĝi estas farita parte el brikoj, parte el fero. La seruro estas ankoraŭ la originala, do la ŝlosilo estas preskaŭ same granda kiel la kapo de ĝardenforko. Enirinte mi iris iomete maldekstren, kaj enlasis min en la oficejon. Tie, sur la muro pendis afiŝo de iu japana aktorino. Ŝia vizaĝo estis tute blanka. Ŝi estis multe pli timinda ol kiu ajn mortinto en la tuta tombejo.

Mi iris tiam dekstren por kontroli, ĉu la pordego ĉe la ĉefvojo estas sekure ŝlosita. Poste suden al la Norda Kapelo. Estis mallume, kaj mi tuj rimarkis, ke brilas lumo el la fenestroj. Sed, ĉar estis tiom mallume, mi ne emis eniri por vidi, ĉu la mortintoj dancas. Mi rapide decidis atendi ĝis matenruĝo.

Mi do biciklis suden ĝis alia, malpli granda pordego ĉe alia fervoja linio. Tiam ĝi estis nur vara, sed hodiaŭ ĝi portas ankaŭ pasaĝerojn, ĉar intertempe loĝas multe da homoj en Kopenhago. Kiel dirite, estis tre mallume, kaj ĉar bona biciklo estas, aŭ almenaŭ devus esti, tute senbrua, mi ne estis aŭdata.

*Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## 3ZZZ

En la elsendo de la 12a de marto eblas ekscii pli pri kiel longe vivi . Pro la proksimeco de la 8a de marto, la virina tago, estas prezentado de fama virino: Hypatia

informas la kunvokanto *Franciska Toubale*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★